# VERDA ★ UTOPIO ★

KNABINETOJ



Pentrajo de KEIGECU KIKUĈI.



JANUARO OSAKA, JAPANUJO. 1921

## ENHAVO:

Espero estas forto——Nova Jaro——Koro kiu amas la sunon——Versaĵo——La knabo trodorlotita——Tak'an Oŝoo kaj Yagju-Tajimanokami——Versaĵo——Kaporalo Sabe——Diversaĵo——Gazetoj ricevitaj——Koresponda fako.

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO:
"VERDA UTOPIO"
5265, UEHOMMAĈI 7-ĈOME,
MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

ABONO: Jare *En* 3.00 (aŭ 33 Resp. Kuponoj); Duonjare *En* 1.50 (aŭ 17 Resp. Kup.) Helpabono: Jare almenaŭ *En* 5.00 (aŭ 55 Resp. Kup.) Konto ĉe Kajima Banko, Osaka.

**VOL. II. JANUARO 1921 NO. 1**



SRO. K. TANAKA.

Prezidanto de Internacia Komerca Korporacio, kaj Kunlaboranto de nia Revuo.

★ ★ ★

# Espero estas forto

Nova printempo venis, kaj kurteno de la 1921a leviĝis tiel trankvile, kiel belega tagiĝo post plenmalluma nokto.

La jaro 1920a, plena je mallumeco, eterne malaperis. La suno de la nova printempo ridetas belege kaj brilege, kvazaŭ ĝi aludas al ni pri alveno de verda epoko. Sed la mallumeco en la pasinta jaro ankoraŭ nun minacas nian koron. Jen paniko, konfuzanta industrian mondon; klasbatalo, intensiĝanta tagon post tago, kaj alia socia maltrankvileco en diversa formo, tiuj ĉi ĉiuj ankoraŭ neniom estas solvitaj, Estas sufiĉe imageble, ke ni, esperantistoj. ankoraŭ en tiu ĉi jaro devas travivi grandegan malfacilaĵon.

Tamen, jen super ĉio ekbrilas tagiĝlumo, kaj kun nova forto eketendiĝadas la flugilo de " Nova Sento," kiu gvidos la homaron en verde konscian vivon. Kaj en nia koro ekflamas espero arde. Tiu nobla kaj kuraĝdona espero, kiu vokas nin al ago konstanta, neniel ajn povos esti katenigita de tradicio kaj de persekuto.

Espero estas forto. Espero estas forto. Nur vi kondukos nin en verdan lumecon.

K. VERDA.

# NOVA JARO

Novan turnon jus finis la tempo,
Freŝan paĝon komencis homaro,
Fermis pordon la vivo pasinta,
Nin alvokas al ag' nova jaro.

Ĉu pensante la lastan rikolton,
Per malĝoj' ni plenigos la koron,
Ke ne dece ni portis standardon,
En batal' al ni mankis fervoro?

Aŭ fiere ni levos la frunton,
Rigardante la fruktojn kun ĝojo,
En la koroj sentante la flamon
Kaj la forton ne fali sur vojo?

Gaje sonas responde tintiloj,
Bruas venke standard' kun fiero,
Super mi ĉiam lumas la stelo,
Klara, brila, la stel' de l'espero.

Ĝoje festas amika tendaro
Jaron venkan post pena laboro
Kaj al nova pretigas nun vojo
Por daŭrigi batalon kun gloro.

Nova jaro, malfermu do pordon,
Al ni vojon ne baru al celo
Ne timigos nin tondroj, ventegoj,
Ĉar espera kondukos nin stelo!

Lozo

(el Pola Esperantisto)

# Koro kiu amas la sunon

Eterna estas japano kiel greko!

Prapatro nia ĉiam sopiris kaj sonĝadis pri la vivo naiva kaj bela, pro tio glorindaj prapatroj alvenis unuaj de la dezerto malvarma kaj malluma de l'norda kontinento kaj ceteraj de la ruĝaj insuletoj en sudmaro kie plenplene kreskiĝas verda palmo kaj karmezina koralo. Enmigrinte en la insulon longekuŝantan, havantan molan koron kaj koloron, sunoleviĝant-landon, nordùloj decidis saĝe forĵeti malluman senton kaj libere ĝuis sunradiojn, kaj suduloj ĝoje alkutimiĝis al vegetarismo por nutri mildan animon; plie estas geniema, ke baldaŭ en la palaco de l'koroj al ili naskiĝis florebela mito kaj delikata lingvo propra, diferenca de tiuj de l'barbaroj. Per beleco de mito kaj delikateco de l'lingvo ne sole ilia vivo nova ĉiam, ĉie kaj ĉiel sankte benataj estis, ankaŭ per granda amo ili, unu al alia, intermiksiĝis tiel perfekte kiel oleo fluidiĝas.

Ja antikva mito dolĉe rakontas pri koro de l'amo. ...... Iam en la kampo de ĉielo staris unu kolono, je kies rondo unu viro ĉirkaŭiris dekstren kaj unu virino maldekstren. Ili renkontiĝis vizaĝo al vizaĝo. Harmonia amo ekkreskiĝis en la du koroj.

Viro laŭdis — Ho, belega virino ĉarma!

Virino sopiris — Ho, eleganta viro fortema!

Baldaŭ ĉarmebelaj gefiloj al ili estis donaĉitaj.

Komenco de starigo de japanio jen komenciĝis je amo inter geviroj.

De l'nesciebla antikvo, vivo de amo kaj genioplena kulturo sin trovas ĉiam en ago-kaj penso-inklino de l'ido kaj l'idido tiom, ke oni ne povas ne senti, ke sango ĉirkaŭiranta en nia vejno estas heredita de l'praavo.

Tempo post tempo, ĉiuj ondoj de ideoj kaj pensoj frapadis senĉese bruston de l'japano, sed ili ĉiam alkutimiĝis intermiksiĝi kun propra vibracio. Delikateco kaj ardeco de hindano kaj rezono de l'ĉinano komplete harmoniiĝis al koro de amo tiel, kiel eble.

Vivo de l'japano estas amo mem, sub kiu fluadas la koro, kiu ĉiam povas ami la sunon. La suno signifas aŭ simbolas naturon. La sento al naturo profunde enradikiĝas ankaŭ en la koro de japano. Kunamiĝi je "neĝo, luno kaj floro" — naturo — estas vero, bono kaj belo por la japano. Koro de poemo tute egalas al sento de l'naturo — ami, kompati kaj karesi tutan kreitaĵon — animohavanton.

La duŝo mia,
Mi timas jeti je la akv' bolita kien?
Ho, krioj de l'insektoj!

Per helpo de jena poemo, mi esperas, ke vi povu kompreni, kiel japano emas esti inspirigata de l'koro de l'poeto.

Rabisto mia
Disciplo ja fariĝis mia
En la vojaĝo de l'aŭtuno.

Tiel poemo estas simpla kaj ritmema, ke ĉiuj japanoj ne povas sed ĉiel esti poetoj — silentaj poetoj, kantantoj, kiuj ne kantas. Vidu, ke japano ne havas orkestron kiel burĝa muziko de l'eŭropano, la japanoj ĉiuj posedas muzikojn tial, ke oni ne bezonas tolerigi sin je donaco de l'muziko de speciala klaso de artistoj — bourgeois.

(Daŭrigota)

HIDE MORIUCI.

---

Nur por manĝi,
Kiel la maŝin' laboras mi,
Sed malplena restas ĉiam
Ho, stomako mia. K. VERDA.

# La Knabo Trodorlotita

*De Soseki Nacume.*

(Daŭrigo)

Mi iomete scias la direkton al la lernejo tial, ke hieraŭ mi iris al ĝi per " Kuruma." Turninte sin du aŭ tri fojon laŭ angulo de stratkruciĝo, baldaŭ mi alvenis al la pordego. De tie ĝis la perono de la lernejo, tute estas pavimita per granito. Kaj, kiam hieraŭ mia " Kuruma " ruliĝis sur tiu pavimo, ĝi kaŭzis tiom grandan bruon, kiom mi min sentis iom malkomforta. Mi renkontis en vojo multe da studentoj en uniformo el " Kokura ",* ĉiuj trairis tiun pordegon. Inter ili estis la studentoj pli grandaj kaj sendube pli fortikaj ol mi. Kiam mi pripensis, ĉu mi devos instrui tiajn studentojn, mia koro estis frapita de neesprimebla malagrableco.

Kiam mi prezentis mian vizitkarton, oni min kondukis en la ĉambron de la direktoro. Tiu ĉi, homo kun barbo maldensa kaj nigreta vizaĝo, havis grandajn okulojn kiel melo, kaj lia konduto estis multe afektema. Antaŭ ĉio, konsilante pri diligenteco, ceremonie li donis al mi oficdonopaperon, stampitan per granda sigelilo. Tiun ĉi paperon mi disŝiris kaj enĵetis en la maron en la revenvojo al Tokio. Li diris al mi, ke li prezentos al la profesoroj min, kaj ke tiam mi devos montri al ĉiuj tiun ĉi oficdonpaperon. Kia senutila peno! Estas pli saĝe, mi pensis, alglui ĉe la muro de la salono de la profesoroj tiun ĉi folion dum tri tagoj ol fari tiel tedan agon. ........

Ĝis kiam la klariono sonos por, ke la profesoroj kolektiĝu en la salono komuna, oni devas atendi multe da tempo. La direktoro eltiris sian poŝhorloĝon kaj rigardis ĝin, kaj poste, dirante ke grade li volus sufiĉe plene rakonti al mi detalaĵon, li deziris al mi, ke antaŭ ĉio mi komprenu pri

* Speco de drapo maldelikata kaj vulgara. Rim. de Trad.

gravaj punktoj. Kaj li faris al mi longan predikon pri la spirito pedagogia. Modere mi aŭskultis lian predikon, sed jam meze de lia parolado en mia kapo ekĝermis tia bedaŭro, kial mi venis tian lokon. Estas malfaĉile al mi, mi pensis, plenumi tion, kion la direktoro deziris al mi. Sin turninte al la homo petolema, kia mi estas, li deziris senpripense pri tiel senprudenta afero, ekzemple, ke mi fariĝu modelo de la studentoj, kaj ke mi estu rigardata kiel modela profesoro en la lernejo. Kaj li aldone diris al mi, ke, se oni ne havas influon de sia bona personeco super la aliaj, krom la studo, oni ne povos fariĝi bona profesoro. Se oni devus esti tia, mi pensis, kapablegulo ne venus de tiel malproksimo ĉi tiun kamparon je salajro de 40 *En*! La homoj ĉiuj, mi pensis, estas preskaŭ similaj, kaj iuj ajn disputas eĉ unu fojon, kiam kolero okupas kapon. Tamen, en tia ĉirkonstanco estos danĝere esprimi eĉ opiniojn nur iomete liberajn; ni ne povus havi eĉ liberecon fari promenadon. ...... Sed, se profesoro devus ludi rolon tiel delikatan, kial oni ne prirakontis al mi pri tio antaŭe ol dungi? Jam, bedaŭrinde, neniu helpo al mi, ĉar mi ne amas mensogi. Mi ne havas alian rimedon ol tiel rezigni, ke mi estas trompita. Kaj mi decide volis rifuzi malkaŝe mian situacion kaj reveni al Tokio.

Ĉar mi jam donacis al la hotelistoj 5 *En*, ĉe mia poŝo ne restas pli ol 9 en, kaj estas neeble reveni al Tikio kun tiu ĉi sumo da 9 *En*. Estis pli bone, mi diris al mi mem, se mi ne donacis al la hotelistoj la gratifikacion! Estas ja domaĝe! Estas vere, ke okaze de bezono eĉ kun tiuj 9 *En* mi povus min savi ...... Pensante, ke ne havi sufiĉe da vojaĝkosto estas pli bone ol mensogi, mi diris al la direktoro, ke al mi estas neeble plenumi tion, kion li deziris al mi, kaj ke mi redonos al li tiun ĉi oficdonpaperon. Tiu ĉi palpebrumis siajn okulojn, kiel tiuj de melo, kaj rigardis mian vizaĝon. Post iom da tempo de silento li diris al mi,

ke tio, kion li deziris al mi, nur estas lia simpla deziro. Kaj dirante, ke li bone scias, ke mi ne povos fari ĉion laŭ lia deziro, kaj ke sekve mi ne devus maltrankviliĝi, li ridis. Se li tiel bone komprenis, mi pensis, li ne devis timigi min de la komenco. (Daŭrigota)

Trad. el Japana Lingvo,
K. FUKUTA.

---

## Tak'an-Oŝoo kaj Jagju-Taĵimanokami

Unu tagon, Tak'an-Oŝoo okazis preterpaŝi antaŭ la pordego de Jagju-Taĵimanokami, famekonata skermisto nomita kiel la ĉefinstruisto de Tokugaŭa, ĉeffeŭdasinjoro.

La monaĥo aŭdis la sonaron de la skermstangoj el la skermejo, kaj ĝin rigardante, li ridetis malestimume kaj murmuretis dirante:

"Fi! Kia malinda instruisto!"

La pordisto riproĉis tion ĉi, alkuris al sia mastro kaj sciigis al li tute kion la monaĥo diris ĉe la pordego.

Jagju-Taĵimanokami tuje venigis la monaĥon en sian parolejon, kaj tiu demandis al tiu ĉi dirante:

"Kvankam monaĥo vi estas, tamen skermon vi ŝajnas scii. Kies stilon vi ellernis?"

Tak'an-Oŝoo ridegis laŭte post kiam li estis respondinta jene

"Kvankam vi estas nomata la ĉefinstruisto de la ĉeffeudasinjoro, tamen vi ŝajnas laŭ mia diveno, esti mallerta en la arto de skermo. En nenies stilo sin trovas la sekreto de la arto."

Jam iom malplaĉiginte Jagju-Taĵimanokami diris al Tak'an-Oŝoo:

"Do mi ekcitu al vi skermi kun mi."

Jagju-Taĵimanokami alpaŝis al sia skermejo, kompreneble sekvate de la monaĥo, kaj tiu, prenante sian stangon, al tiu ĉi demandis :

" Kion vi prenos ĉe via mano ?"

Tiam la monaĥo respondis :

" Ĉar monaĥo mi estas, tial nenion mi bezonas. Nu, iel ajn batu min ie ajn !"

Jagju-Taĵimanokami nun kontraŭstaris kontraŭ Tak'an-Oŝoo.

Kiam tiu jupli rigardegis la vizaĝon de tiu ĉi, tiam ĝi vidiĝis al li des pli bravega, trankvilega kaj poste iluminata kvazaŭ de la hela suno.

Konsekvence, eĉ Jagju-Taĵimanokami fine timiĝis, kaj forĵetante sian stangon sur la planko de la duelejo, li genufleksis, kaj diris :

" Vi estas vere honorinda monaĥo, klerigita per la vero kaj lumo de la ĉielo. Mi petegas vin bonvoli instrui min kiel klerigi miajn koron kaj spiriton."

La monaĥo jesis plenumi lian peton kaj donis al li la ŝlosilon por malfermi la sekreton taŭgeblan ne nur por skermo, sed ankaŭ por ĉiuj aliaj aferoj.

Tradukis el Japana lingvo

T. Macuda. (Nara-ken)

La tradukinto pensas, ke la militalismo, kiu nuntempe minacas la homaron, similas al la skermisto, kiun la monaĥo kiel sanktulo, ekzemple, Kristo aŭ Baha'u'llah k.t.p. klerigis per Amo, Lumo kaj Vero de Dio !

* * * * *

Kiam, disiĝinte de vi,
Mi trairis tra la pinarbaro,
Gutis sur la vangon mian
De pinarboj larm' aŭ roso.

Trad. K. F.

# Kaporalo Sabe

Estis en jaro 1910, ke mi devis soldatiĝi. Devis, ĉar en nia lando la militservo bedaŭrinde estas deviga. Ni, malvarmaj holandanoj neniam havis multe da simpatio por la militista afero kaj tiutempe ne multaj pensis pri rifuzo. Je la fatal fiksita tago, ni proksimume centope estis sendataj al la kazerno kaj kun vizaĝoj ne eksterordinare ĝojaj, ni kiel ŝafoj eniris la domegon, kie dum ok monatoj estus nia hejmo. Mi honeste povas diri, ke la unua konatiĝo ne estis tre agrabla. La malnova salonego tute ne aspektis hejma kaj la malpuraj benkoj kaj la tuta meblaro, ne faris bonan impreson. Ankaŭ la malmolaj litoj ne multe allogis nin. La bruo kaj kriado estis terura kaj ni ne povis kredi, ke ni iam kutimiĝus.

Ni venis sub la komando de kaporalo. Ni, rekrutoj. "porkidoj," li nomis nin, havis multe da respekto por tiu altrangulo, ĉar tiel ni pensis, ke por atingi tian altecon oni sendube multon devas scii. En niaj okuloj li estis tre ja kapabla persono kaj kiam ni aŭdis, ke li venus je gardo la saman vesperon, tiam li ne plu estis la kaporalo, sed ...... heroo. Imagu je gardo la tutan malluman nokton ! Por tio vere bezonis grandan kvanton da kuraĝo.

Sabe estis la nomo de nia kaporalo. Li estas volontula soldato sed kiel poste evidentiĝis, li eĉ pli ol ni malamis la militistan aferon. Li estis ordinara kaporalo, li estis profesia trumpetisto kaj tamburisto sed pro manko al kaporaloj ĉe la regimento, li ankaŭ plenumis tiun oficeton.

Ne estas necese noti ĉion, kio ĉiutage okazis ; la tempo forflugis kaj ni bone progresis en la "bela" soldataro. Sro. Sabe fariĝis la amiko de ni ĉiuj, donis konsilon en ĉiaj aferoj, precipe por akiri monon de la antaŭaj samhejmanoj, Fariĝis klare por ni, ke oni por kaporalo ne longe bezonis

studi. Ni alparolis lin per "ci" kaj siavice li volonte akceptis niajn cigaredojn, ankaŭ peco da kunportita fromaĝo aŭ lardo ĉiam estis bonvena. (Daŭrigota)

HAGO, HOLANDO.

## Diversaĵo

**Samideanoj, kiuj okupas sin per studado de spiritualismo! Spiritistoj! Okultistoj!**

Granda trezoro da fortoj, kies malkovro certe gvidus al pli bona estado de l'homaro kaj al pli bona kompreno de l'homa vivo, estas ankaŭ kaŝita antaŭ ni! — Ĉu ne estas ebla ankaŭ en tiu fako tutmonda kunhelpo per nia Esperanto? ...... Aro da senlacaj esplorantoj, kies gvidanto nuntempe estas med. Dro. K. Vojacek, serĉas kunlaborantojn en la tuta mondo. — Programo: 1. Sencesa interrilato inter la esplorantoj (necesega!), 2. helpa servo pri fakaj gazetoj kaj, 3. se eble fakaj kunvenoj dum internaciaj kongresoj esperantistaj! — Ĉiu samideano, emanta kunlabori, anoncu sian adreson al O. Sklencka, del. de U. E. A., Hradec Kralove, Ceĥoslovakio.

## Gazetoj Ricevitaj

**La Esperantisto** (Jul.–Aŭg.) Organo de Esperanta Universitato popola — Dediĉita al la interna ideo de l'Esperantismo. Formato: 30 x 42 cm. 4 paĝa monata Ĵurnalo nur en esperanto. Jarabono: Fr. 1.00. Redakcio: Postamt 34, Wien II/1, Aŭstrujo.

**Nova Tempo** (Aŭg.–Sept. Okt.–Nov.) Internacia revuo por komunaj kulturlaboroj kaj mondrilatoj. Formato: 23 x 31 cm. 8 paĝa monata gazeto nur en esperanto. Jarabono: K. 40.00. Redakcio: Tuchlauben 18, Wien 1, Aŭstrujo.

**La Suno** (No. 1) Gazeto speciala por propagando de la internacia helpa lingvo Esperanto — Disdonata senpage en Katalunujo. Formato: 32 x 48 cm. 4 paĝa monata gazeto nur en kataluna lingvo, Redakcio: Peu de la Creu 10, Barcelona, Hispanujo.

**Esperanto-Praktiko** (Jul. Aŭg. Sept. Okt.) Formato: 15 x 23 cm. 16 paga monata gazeto en esperanto kaj germana lingvoj. Jarabono: Sm. 2.50. Redakcio: Friedrich Ellersiek, 46, Wissmannstrasse, Berlin S. 59, Germanujo.

**Internacia Komerca Revuo** (Aŭg.) Monata Organo Ilustrata por Komerco, Industrio kaj Internacia ekonomio. Formato: 15 x 23 cm. 24 paĝa gazeto en esperanto, germana, franca kaj angla lingvoj. Jarabono: Fr. 5.00. Redakcio: Centra poŝtfako 6104, Zürich, Svisujo.

**Esperantista Laboristo,** socialista, sindikalista, liberecana, internaciista. (Okt.) Oficiala Organo de "Liberiga Stelo" (tutmonda asocio de internaciistoj). Formato: 23 x 30 cm. 12 paĝa monata gazeto nur en esperanto. Abonprezo varias laŭ la landoj. Redakcio: E. Adam, 24, Boulevard Beaumarchais, Paris XIe. Administracio: L. Glodeau, 177, rue de Bagnolet, Paris XXe.

Enhavo plej interesa kaj leginda. La socialistoj havas nun en la manoj bonan ilon; kiu certe tre helpos la disvastigon de nia lingvo en antaŭemajn mediojn.

**La Progreso** (Nov.) Ĉeĥoslovaka Organo Esperantista. Formato: 20 x 27 cm. 8 paĝa monata gazeto nur en esperanto. Jarabono: k. 16.00. Redakcio: Plzen, Radynska ul. 10, Ĉeĥoslovakio.

**Vegetarano** (Okt.) Oficiala Organo de la Vegetara Ligo Esperantista. Formato: 23 x 30 cm. 4 paĝa du aŭ trimonata bulteno nur en esperanto. Membra kotizo aŭ jarabono: Fl. 2.00. Redakcio: Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbuttel, Alsterkrugchaussee 586, Germanujo.

**La Verda Ombro** (Dec.) Monata Bulteno de Formosa Esperantista Asocio. Formato: 17 x 22 cm. 8 paĝa monata bulteno en esperanto kaj japana lingvoj. Redakcio: Formosa Esperantista Asocio, Taihoku, Formosa, Japanujo.
La Revuo Orienta (Nov., Dec.)—Germana Esperantisto (Okt.)—Le Monde Esperantiste (Sept.–Okt.)—Espero Katolika (Okt.)—Monata Bulteno de "Aplech" Esperanta Grupo (Sept.)—Laboro (Okt.)—La Espero (Dec.)—Libero (Nov.)—The British Esperantist (Nov.-Dec.)—Arĝentina Esperantisto (Aŭg.–Okt.)—Esperanto Triumfonta, (No. 7, 8, 9)

## Koresponda Fako

Unu Linio: *Sen* 0.40 (4 respondkuponoj)——Rabato da 10%. por 3 enpresoj kaj 25% por 12 enpresoj.
Mallongigoj: L.=Letero. P.=Poŝtkarto. M.=Poŝtmarkoj. PI.=Poŝtkartoj ilustritaj. E.=Esperantaĵo.

SRO. TADAŜI AJSAKA—(Ĵurnalisto), 779, Funao, Hamadera, Osaka, Japanujo, deziras interkorespondadi pri Esperanta, socia kaj labora problemoj kaj interŝanĝi PI. E.

FINO. MARGARETO ZUNA,—Kossuth-utca 18, Ujpest, Hungarujo, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

SRO. HIDEO SUNADA, Namba & Co, 30, Akashicho, Kobe, Japanujo, deziras korespondadi kun tutmondaj Samideanoj per PI.

SRO. G. H. MOL, Paulus Potterstrato 79, Hago, Nederlando, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

SRO. DOUGLAS RICHARDSON, 7, Gowe st. Balmain, Sydney. Aŭstralio, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

大正十年九月五日印刷
大正十年九月十日發行

編輯兼發行人 大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九 福田國太郎
印刷人 阿部嘉市
大阪市西區京町堀通一丁目十六番地

振替貯金口座大阪五五六二九番
發行所 ヴェルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五